

# IREJO-BULTENO

**Organo de Irana Esperantista Junulara Organizo**

**N_ro : 6 Decembro - Januaro 1994 -95 Azar - Dej 1373**

## Internacia Junulara Kongreso 1995



Adreso de LKK: 51a IJK, p.k. 34, Moskva, Rusio, RUS-117071
Fakso: +7-095-292-6511 kun indiko "box 127071"
Telekso: (64) 412062 OCTET SU, BOX 51197
Telefono: +7-095-246-0932, 243-7456
Ret-poŝto: ijk@junior.msk.su, ijk@amhold.msk.su

Aktivismo: Junularo, kiu ne nur dancas

-------- Adresoj ----------------------------------------------------------

IREJO-Bulteno
Organo de Irana Esperantista Junulara Organizo
©Redaktoro : M.Reza Torabi©Korektisto : Hámze Ŝáfii
©Eldonaj aferoj : Ábbas Bagestani ©Eldona ordo : du monate
©La bulteno kiel informilo celas speguli faritajn agadojn pri aû rilate Esperanto en Irano ©La bulteno precipe atentas pri junulara aktivado en Irano kaj ĝenerale tutmonde ©Subskribitaj artikoloj kaj eseoj ne montras oficialan opinion de la asocio ©Pri ne asociaj novaĵoj kaj raportoj respondecas mem la raportantoj ©Ĉiaj novaĵoj,informoj,eseoj kaj artikoloj bonvenas ©poŝta adreso : P . O . Kesto : 17765-184, Tehran-17, Iranio .©Prezo : 600 IR.R (2 irk)

----------------------------------------------------------------------

**Irana Esperantista Junulara Organizo-IREJO**
Landa sekcio de:Tutmonda E-ista Junulara Organizo-TEJO
Landa filio de : Internacia Scienca Asocio Esperantista-ISAE
UEA kodo : irej-n , FEL kodo : irej-n
Fondita : Julio 1993/Tir 1372
Telekopiilo(Fakso) : +98 21 363232
P . O . Kesto : 17765-184 , Tehrano .
IREJO Estraranoj :
**Ĉefgvidanto** : M . Reza Torabi, p/a IREJO
**Vicgvidanto** : Ábdollah Hákimneĵad, p/a IREJO
**Ĝenerala Sekretario,Kasisto** : Ábbas Bagestani, P.O.Kesto : 13185-618, Tehrano. Tel : +98 21 6612445
**Sekretario** : Ĝámŝid Áhmádi,Daneshkade Pezeshki,Daneshgahe Shahid Beheshti,Tehran-Evin .

## Saluton !

Dum la pasintaj monatoj ni trovis novajn samideanojn kiuj arde nin renkontis kaj laŭ siaj eblaĵoj donis al la asocio bonan situacion. En Tehrano ĉiu monate estas aranĝita kunsido pri movadaj aferoj, bonvole se ankaŭ vi interesas pri la temo, vin anonce aŭ detalajn informojn mendu, ni atendas vian seriozan kontribuon.

Okaze fariĝi la landa sekcio de TEJO ni atingis poŝtkartojn, gratulleterojn kaj bondezirojn, el ĉiuj afablaj gesamideanoj kore ni denkegas.

Malgraŭ multaj atentoj ankoraŭ nia bulteno enhavas kelke da erarojn ĉu gramatike ĉu prese, sed tiu ne kaŭzos ke ni malesperiĝu, inverse ni pli zurgos nin, kaj ni memoru ke tiu-ĉi bulteno estas unua sperto en Irano kaj ĉiam la unuaj spertoj pro multaj faktoroj havas malfacilaĵojn. Mi esperas tiu-ĉi numero almenaŭ haviĝu malmultajn erarojn !!

Ĉiam sukceson.

La Red.

ENHAVO :

------------- Okaze la naskiĝtago de la Imamo Ali ----

## MAKSIMOJ DE IMAMO ALI

*Mortinta sciulo estas viva, vivanta nesciulo estas morta.*

*Forigu la malbonon el koro via por forigi tion el la koro de alia.*

*La plej bona justeco estas helpi al subpermanto.*

*La homo estas la malamiko de tio kion li ne konas.*

*Pardonu tiun kiu petas vian pardonon.*

*Estu verema en la parolo, estu sincera en la laboro .*

*Vero estas glavo kiu neniam malakriĝas .*

*Dubo de saĝulo plivaloras ol certo de malsaĝulo .*

*Libroj estas la ĝardeno de la scienculoj.*

*La malscio estas la plej malbona malamiko .*

*Scienco estas senfina .*

*Sciulo rigardas per la okulo de la koro sed ne sciulo per la okulo de la vizaĝo .*

*La mondo estas bazaro en kiu oni nenion gajnas .*

*fremdulo estas tiu kiu ne havas amikon .*

El la libro : " Ali, la simbolo de humaneco "
verkite : S . Morteza Mirbaqian

## Kion ĉiu devus scii pri UEA

Plurfoje post la naskiĝo de Esperanto en 1887 okazis klopodoj fondi konkretan movadon por faciligi ĝian progreson. Zamenhof mem proponis jam en 1889 Tutmondan Ligon de Esperanto, en 1890 la Ligon Internacian de Esperantistoj kaj denove en 1893 Internacian Ligon Esperantistan. tiuj fruaj provoj ne sukcesis.

Tamen, kun la helpo de kreskanta nombro da societoj (la nuna estis la eks-volapuka klubo de Nurnbergo, 1888) kaj da gazetoj (ekde la Esperantisto, 1889) la esperantistaro per propraj fortoj antaŭenpuŝis la vivkapablon kaj prestiĝon de la lingvo.

Zamenhof obstine kredis je la dezirindeco de iu internacia organizaĵo por la adherantoj al lia lingvo, kaj ĉe la unua Universala Kongreso de Esperanto (1905) la tri-kapa fenikso eĉ kvaran fojon reaperis sub la titoloTutmonda Ligo Esperantista, sed eĉ en tiu entuziasma etoso ĝi ne sukcesis. La kialojn por la hezito vi povas legi en la libro Esperanto en Perspektivo (paĝo 418) . Strange, sed eĉ la Ĉekbanko Esperantista (1907) sukcesis fondiĝi pli frue ol vera movado internacia por la esperantistoj. Ĉu temis, eĉ tiam, pri dura praktiko super bela idealo?

UEA fine fondiĝis la 28an de aprilo 1908 sub la zorga mano de la 21-jara svisa Hector Hodler, kies portreto, ofte dekoranta en nunaj jaroj la jarlibron , memorigas nin, ke foje necesas senbrida antaŭenpelo fare de junulo kiam ni heziteme palpas por trovi la vojon antaŭen. Hodler, laŭ d-ro Lapenna, "limigis sian ambicion al pli malvasta, sed tute demokrata societo, simpla, servopreta kaj malmultekosta".

La nova organizo difinis jene siajn celojn en la tiujara Statuto:

(a) La celo de la Asocio estas la plifaciligo de ĉiuspecaj rilatoj inter diverslingvanoj kaj la kreo de fortika ligilo de solidareco inter la membroj.

(b) UEA estas neŭtrala rilate al religio, politiko kaj nacieco.

(c) La sola oficilala lingvo estas Esperanto, tia, kia ĝi estas difinita per sia literatura kaj teknika vortaro.
(d) La membroj estas individuaj, t. e. la membro rekte aliĝas al la Asocio (...) .
(e) En la lokoj, kie por tio ekzistas ebleco, unu el la membroj estas deligito (lia adreso eperas en la jarlibro) kaj li libervole plenumas diversajn praktikajn servojn por la membroj, kiuj sin turnas al li .
Eĉ la malsimileco de paragrafo (d) ne paligas la evidentan esencan konfinuecon senteblan en la hodiaûa Statuto.
UEA celas, laû la statuto de 1980 :
a) disvastigi la uzadan de la internacia lingvo Esperanto;
b) agadi por la solvo de la lingva problemo en internaciaj rilatoj kaj faciligi la internacian komunikadon;
c) plifaciligi la ĉiuspecajn spirtajn kaj materiajn rilatojn inter la homoj, malgraû diferencoj de nacieco, raso, sekso, religio, politiko aû lingvo;
ĉ) kreskigi inter siaj membroj fortikan senton de solidaro, kaj disvolvi ĉe ili la komprenon kaj estimon por aliaj popoloj.

**Plia historio :** Ĉi tie ne kunvenas detalado de la tre ,tre interesa historio de la Esperanto-movado, kiun oni povas legi en la supremenciita libro kaj en sennombraj aliaj verkoj. Ĉar UEA en fruaj tempoj konsistis nur el individuaj membroj, ĝi, kun sia konkuranto, la konstanta reprezentantaro (= de la landaj societoj) partoprenis la Internacian Centran Komitaton por, interalie, krei organizon por la Universalaj Kongresoj. Tra la nebulo de luktoj inter individuloj, kluboj, gazetoj, landaj asocioj, sennacieco, neûtralismo, Ĝenevo kaj Londono, nur en 1947 firmiĝis la hodiaûa Universala Esperanto Asocio. Verŝajne la spirito de kunlaboro en la Movado neniam antaûe estis tiel forta kiel ĝi nun estas.

**Strategia plano :** UEA bazas sin agadon sur la Strategia Plano de UEA kaj tri jara Laborplano por 1992-1995. La Plano nun estas reviziata por la periodo 1995-1998. dokumentoj estas haveblaj ĉe la Centra Oficejo.

**Membraro de UEA :** UEA havas aligitajn kaj individuajn membrojn. La aligitaj membroj estas tiuj membroj de aliĝintaj Landaj Asocioj de UEA, kiuj ne estas samtempe individuaj membroj de UEA. Por la aligitaj membroj la Landa Asocio pagas kotizon.

La individuaj membroj de UEA pagas jaran kotizon. En 1991 UEA havis ĉ. 8 100 individuajn membrojn en 114 landoj.

**Landaj kaj fakaj asocioj :** La strukturo de UEA entenas ankaŭ landajn Esperanto-asociojn kaj fakajn asociojn. Detelaj informoj aperas en la koncernaj sekcioj de Jarlibro.

**Eldonaĵoj :** La revuo Esperanto estas la monata oficiala organo de UEA. Ĝi entenas raportojn pri okazintaĵoj, artikolojn pri la movado kaj rilataj temoj, recenzojn pri laste aperintaj verkoj en (aŭ pri) Esperanto, kaj multajn utilajn informojn por movadaj aktivuloj. La Jarlibro estas manlibro pri la Esperanto-movado. Ĝi vaste informas pri ties organiza struktura kaj disponigas pli ol du mil adresojn de la delegitoj de UEA tra la tuta mondo. La Gvidlibro estas depresaĵo el la unua parto de la Jarlibro sen la Delegita Reto. Esperanto-dokumentoj funde analizas elektitajn movadajn temojn; ili aperas en Esperanto, la franca kaj la angla. Lingvaj Problemoj kaj Lingvo-Planando traktas la lingvoproblemojn, el vidpunktoj sociologia, politika, ekonomia, lingvistika ktp. Kontakto estas revuo kuneldonata de UEA kaj ties junulara sekcio TEJO. Ĝi enhavas artikolojn pri ĝeneralaj temoj, kaj direktiĝas precipe al novaj uzantoj de la lingvo. La Katalogo listigas praktike ĉiujn Esperantajn librojn, periodaĵojn, diskojn, kasedojn kaj aliajn varojn, kiuj estas akireblaj en la merkato. Laŭokaze UEA eldonas konsilarojn pri agado, informilojn pri diversaj temoj ktp. Ĉi-rilate menciindas Influo (bulteno por aktvuloj pri informado), kaj informaj bultenoj por aktivuloj en Afriko kaj Azio. Krome, UEA estas eldonanto de libroj.

**"Daŭrigota"**

## Kontaktreto

Ni kolektas komiksojn, karikaturojn, ktp.

Nia Esperanto-klubo en la supera mezlernejo Sumiyosi Kôkô planas okazigi "ekspozicion de komiksoj el la mondo" okaze de la lerneja festivalo en septembro 1995. Bv. sendi al ni komiksojn, karikaturojn, bildstriajn rakontojn kaj tiel plu en kia ajn formo (libroj, gezetoj aû eltondaĵoj el ili). Ni rekompence sendos japanan komikson. La limdato estas la fino de junio 1995.

Ni kolektas ankaû uzitajn poŝtmarkojn de eksterlando. Ni vendos ilin kaj oferos la profiton al UEA-fondaĵo por la movado en Azio kaj Afriko.

Nia adreso : Esperanto-klubo de Sumiyosi Kôkô
1957-4 Kizuki-sumiyosi
Nakahara-ku, Kawasaki-si
211 Japanio

Antaûdankon!

KITAGAWA Ikuko,
instruistino

---

Estimataj Samideanoj :

Mi serĉas informon pri irana vivo, kaj esperas ke iu membro de via organizaĵo povos helpi min.

Mi intencas fari paperpupojn por Esperantistaj geknaboj el okcidentaj kaj islamaj landoj. La vestaro de la pupoj inkluzivos vestojn tipe okcidentajn (pantalono kaj ĵerzo, sport-kuloto kaj mallong-manika ĉemizo, kaj tiel plu) kaj vestojn taûgajn por gejunuloj en la religia etoso de Irano kaj aliaj islamaj landoj. Ankaû inkluziviĝos mallongaj komentoj pri la du kulturaj/religiaj konceptoj pri vestoj. per tiu ĉi ludilo malmultekosta kaj facile poŝtsendebla, mi intencas iomete malfermi pordon por okcidentaj geknaboj al aspekto de la islama(j) vivmaniero(j), kaj inverse.

Por taûge kaj sukcese fari tian laboron, mi bezonas islaman kunlaboranton kiu pretas konsili min pri vestoj por islamaj geknaboj je la aĝoj de 9 ĝis 12 jaroj. Ankaû estos

graave diskuti kiel prezenti islamaj kulturoj, eĉ pri aferoj tiom (ŝajne) simplaj kion vestoj. Se ni donos al infanoj okazojn rigardi situaciojn el diversaj vidpunktoj, eble ni helpos ke homoj pli interkomprenu sin.
Espere kaj kunlaboreme salutas vin

Agavo Felker,
414 East Cedar,
Burbank, CA 91501
USA/Usono

## Honorinda Novaĵo

Prof d-ro Reinhard Selten estas membro de UEA ekde 1985 (same kiel liaj edzino kaj frato ), kaj dum-viva membro de 1969 . Li membras en Germana E-asocio kaj en Akademio Internacia de Sciencoj (AIS) San Marino. Ĉirkaŭ 1960 li prezidis E-Societon Frankfurt. Laŭ The New York Times (Usono) li "priskribas sin kiel idealiston kaj membron de la Esperanto-movado".

Selten naskiĝis en 1930 en Breslau (nun Wroclaw, Pollando). Li studis kaj doktoriĝis (1961) pri matematiko en Frankfurto, kie inter 1957 kaj 1967 li laboris en ekonomika esplorgrupo de prof. Sauermann. En 1967/68 li estis vizitanta profesoro ĉe la universitato de Berkeley. Li profesoris ĉe la libera Universitato de Berlino (1969-72), kaj ĉe la universitatoj de Bielefeld (1972-1984) kaj Bonn (1984).

La ludo-teorio --aŭ strategiiko, laŭ Olav Reiersol-- estas matematika teorio pri strategiaj kondutoj, pri situacioj de decido, pli kaj pli aplikata al la modelado de ekonomiaj fenomenoj. La ne-kunlabora ludo-teorio, kies evoluon Selten forte impulsis, povas modeli ekz. la reciproke dependajn decidojn de samfakaj konkurenculoj, aŭ la interrilatojn de rivalaj firmaoj sur la merkato. Selten pioniris ankaŭ pri la eksperimenta ekonomiko, jam en la 50-aj jaroj, kaj estis la unua Eŭropo kiu instalis tian laboratorion. Liaj eksperimentoj

sugestas ke necesas tute nova ekonomika teorio por sufiĉe konsideri la neracian elementon en la homa agado ekonomia. Ankaŭ en Esperanto Selten publikigis, kun Jonathan Pool, Traktaĵon lud-teorian: Ĉu mi lernu Esperanton? Enkonduko en la teorion de lingvaj ludoj (Universität Bielfeld, 1082). En la studo, kiu unuafoje aplikis la ludo-teorion al la situacio de Espernto-eklernado, la aŭtoroj modelis la decidojn de diverslingvanoj eklerni diversajn fremdlingvojn en diversaj kondiĉaroj, kaj esploris kiam la interdependaj decidoj rezultigas stabilan ekvilibroj konsiderinda proporcio de homoj decidas eklerni Esperanton.

Inter centoj da gratulantoj, John Wells sendis saluton al la premiito nome de UEA.

Selten estas la unua germana sciencisto akirinta Nobel-premion de ekonomiko, kiun, cetere, ĉe la unua aljuĝo en 1969 ricevis simpatianto de Esperanto, la nederlanda Jan Tinbergen. Aliaj Esperantistaj Nobel-premiitoj estis Joseph J.Thomson (fiziko, 1906), Wilhelm Ostwald (kemio, 1909). kaj Alfred Fried (paco, 1911). Subtenis Esperanton multaj aliaj Nobel-premiitoj, i.a. Antoine Becquerel (fiziko, 1921), Lord Boyd-Orr (paco, 1949), YUKAWA Hideki (fiziko, 1949), Jaroslav Heyrovský (kemio, 1959) kaj Camilo José Cela (literaturo, 1989).

el " esperanto " n-ro : 1064, Novembro 1994

## -------------- Nia venonta kunsido ------------------------

**Tria Ĝenerala IREJO kunsido**

«Antaŭ Naŭruza Renkontiĝo »

Temo : Esperanto movado kaj la junularo

Dato : 09 03 1995/18 12 1373

Detalajn informojn mendu ĉe :

Poŝte : P.O.Kesto : 13185-618, Tehrano

Telefone : 6612445(nokte) 8843729(tage)

Nome : Ábbas Bagestani

**IREJO aranĝas :**

«Monata Kunsido »

Ĉiu unua mardo de la monato estas aranĝita kunsido en Tehrano pri movadaj aferoj por antaŭenirigi Esperanton. Bonvoli detalajn informojn interesiĝantoj mendu ĉe :

P.O.Kesto : 13185-618, Tehrano
Telefone : 6612445 (nokte)
8843729(tage)
Ábbas Bagestani

--------------- Periodaĵoj ---------------------------------------------

**Sendintaj periodaĵoj al IREJO :**

GEJ-GAZETO, julio-aŭgusto 49,4/94 (Germanio)
Koncize, julio-aŭgusto 1994, n-ro 4(1120 (Germanio)
L' UNITE HUMANIE, N' 10 AVRIL-JUIN 1994 (Francio)
TUTMONDAJ SCIENCOJ KAJ TEKNIKOJ, n-ro 2,1993 (Ĉinio)
LA DOMO, N' 03 Julio 1994 (Francio)
Ktp ! , n-ro 04 Marto/Aprilo 94 (USONO)
Jen, Jaargang 20, nummer 112, mrt-apr 1994 (Nederlando)
VERDA VOĈO , n-ro 26 (Koreio)
Jeun Esperant , N' 94/1 (Francio)
LA DUA JARCENTO , n-roj : 169,170-171 (Aŭstrio)
Eventoj , n-roj : 52,53,54, (Hungario)
Esperanto en Azio , n-ro 16 , (Japanio)
Internacia Pedagogia Revuo , 4/93 , (Hungario)

Koran Dankon la sendantojn !

توجه !

کپی نشریات فوق قابل دریافت می باشد .علاقمندان جهت دریافت هرنسخه مبلغ ۲,۰۰۰ ریال تمبر باطل نشده داخل پاکت نامه با ذکر نام نشریه و شماره های درخواستی ارسال نمایند. لازم به تذکر است که مبلغ فوق به صورت علی الحساب می باشد. چون تعداد صفحات و اندازهٔ نشریات متنوع است پس از تهیه و ارسال نشریات به آدرس درخواست کنندگان مبلغ نهایی به اطلاع خواهد رسید و چنانچه قیمت تمام شده کمتر از مبلغ فرستاده شده باشد مابقی عودت داده خواهد شد.

بخش نشریات و اشتراک اسپرانتوجوان